# GAŬĈA STELO



Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 29 – septembro / 2003


## Retrospekto de la Gaŭĉa Tradiciismo

Invitita de amikoj el pratempoj , cele al la retrospekto de la gaŭĉa tradiciismo, nome pri la komencoj de tiu impeto kiu rezultigis la aperon de preskaŭ 1200 Tradiciismaj Kluboj dissemiĝintaj tra la tuta Brazilo , ĉi –tie ni estas skuante la pasintecan polvon , serĉante reveni al la radikoj de tiuj okazintaĵoj , kiuj post multaj jaroj ekaperas kiel flagro de la nova periodo de nia tradiciismo. Verdiri, ĝis la fino de 50[a] jardekoj la gaŭĉa popoloŝajne ignoris sian propran kulturan heredqĵon kaj sian tradiciismon, tute senatente al faroj de sia glora pasinteco Laŭ oni diras, ekzistis en tiuj tempoj ĝenerala inklino modernigi ĉion. La moroj, la kutimoj kaj precipe la muziko rezervadis fortan influon el alilando kiel same okazas nuntempe. Por kontraŭstari al tiuj influoj kaj laŭeble defendi nian kulturon kaj tradiciisman heredaĵon ekzistis tamen malgranda grupo da elstaraj verkistoj kiel Alcides Maia, Roque Calage, Darcy Azambuja, Manoelito de Ornelas ktp, sen forgesi la genian Simões Lopes Neto. Krom la agado realigita de tiuj verkistoj kaj de aliaj iniciatoj realigitaj ĉirkaŭ 50 jaroj antaŭe, niaj kulturaj tradiciismaj valoroj estis antaŭdestinitaj persisti el sia propra gento, kiel nuraj espekulativaj beletroj . Okazis efektive kelkaj validaj provoj je la fino de la pasinta jarcento kaj komenco de ĉi tiu serĉante elaĉeti tiujn valorojn ; " Grêmio Gaúcho (Porto Alegre), União Gaúcha (Pelotas), Centro Gaúcho (Bagé) , Grêmio Gaúcho (Santa Maria) , kaj ankaŭ, pli malfrue, en 1938, la Sociedade Gaúcha Lombagrandense (S.Leopoldo) kaj en 1943 Clube Farroupilha (Ijuí ) . Ili estis, tamen, izolitaj iniciatoj sen prospero, kiuj ne trovis tiuepoke favorajn kondiĉojn . Oni konstatas, ke la gaŭĉa tradiciismo, efektive , komencis grandigi kaj havi signifon nur post la fondo de la klubo " 35 – Centro de Tradições Gaúchas. (35-CTG) en Porto Alegre, kiam do, pro la decida kaj kuraĝa agado de ĝiaj pli proksimaj sekvantoj komencis resonigi en ĉiuj kvadrantoj de nia Provinco la alvokon cele al revivigo de niaj plej karaj tradicioj. Sed, antaŭ ol paroli pri la ekapero de " 35 CTG " kaj klarigi kiel montriĝis la ideo pri ĝia fondo , je aprilo 1948, ni faros nun retroiron en la tempo gis aŭgusto de la antaŭa jaro. Tiu retrospekto estas grava ĉar signaligas historian okazaĵon por la tradiciismo : la fondon de la "Departemento pri Gaŭĉaj Tradicioj " de Grêmio Estudantil de la " Colégio Julio de Castlhos".



# Bicikla vojaĝo



Diskonigi Esperanton , la internacian , neŭtralan idiomon , estas la celo de tiu eks – kimia instruisto de fiziko, filozofio kaj ŝako Adrianov Zhulkov , kiu veturas per biciklo al diversaj regionoj de Brazilo kaj al diversaj landoj. Veninte el Salvador dum dek tagoj li sekvis al Belo Horizonte , kie partoprenis la 38-an Brazilan Kongreson.

Mi forlasis mian profesion dezirante labori favore al Esperanto kaj ankaŭ al traserĉo de plibona kvalito de vivo. Zhulkov jam vojaĝis per biciklo tra pluraj landoj de la mondo dissemante la lingvon. Naskiĝinte en Rio Grande do Sul kaj loĝante en Salvador, Bahia, li diskonigas ĉie la idiomon kreitan de D-ro Luis Lazaro Zamenhof. Por disvastigi la 40-an BKE-n / 2005 , fari prelegojn , viziti amaskomunikilojn propagandi ĉie kaj kunlabori kun lokaj organizantoj de esperantaj kongresoj , li petas la necesan apogon. Por plenumi tiun efikan vojaĝon , ni esperas ricevi detajlajn informojn pri elspezaj realigotaj niaparte , krom loĝejo kaj nutrado..

# Tutamerika Kongreso de Esperanto

Havano, Kubo. 21-a ĝis 27-a de marto 2004.
Kia Esperanto-movado por Ameriko ?
Kuba Esperanto-Asocio. Poŝtfako 5120
Retpoŝto Kubesp@ip. Etecsa. Cu

# Esperanta Libro-Foiro

La esperantista komuneco de P.Alegre kaj ĉirkaŭaĵoj estas envitata partopreni la 1-an Foireton de la Esperanta libro, en la tagoj 3-a ĝis 14-a de la venonta novembro, je la 15-a ĝis 19-a horoj . La esperanta foireto funkcios en la sidejo de GEA,

Andradas 1251 , ĉambro 101, 10-a etaĝo, kaj okazos paralele al "Libro Foiro de P. Alegre"

Informoj per telefono 3228.3198 .

# Agrablajn vizitojn

Gaŭĉa Esperanto - Asocio ricevis la agrablan viziton de S-ano Leisester Miró Flores, loĝanta en Caxias do Sul, strato Tiago Albenori 290 , kvartalo São Ciro, Telef. 2294.555..

Kaj E – poŝto leisester mail.com Nia vizitanto, prezidanto de BEKO, venis akompanata de samideano Marciano Schaffer dua vico-prezidanto , loĝanta en São Leopoldo RS

Ĉi-tiuj katolikaj novicoj estas tre aktivaj esperantistoj , kiuj eldonas la konatan ĵurnalon "Brazila Katoliko", organo de BEKO ( Brazila Esperanta Katolika Organizo ).

Ni ankaŭ ricevis , tre plezure, leteron de pastro Sidney da Silva Grudzien , loĝanta em Porto Alegre, en la strato Emilio Otto,98 (Cep 91450 260 ), Morro Santana. Tel.3386.2232

Nome de Gaŭĉa Esperanto – Asocio , ni ĝoje brakumas vin , amikoj , kaj restas je viaj dispono kun la pordo de nia sidejo ĉiam malfermita por vi.





# Lingvoj por ĉiuj

Instruisto Paulo I.Ereno estis antaŭ nelonge en la urbo Passo Fundo, Rs, kie prezentis prelegon pri la " Lernigo de Esperanto per la rekta metodo" , kadre de la 4-a Seminario pri instruo de alilandaj lingvoj. Li estis ankaŭ vizitante la ĵurnalon "O Nacional" kaj aliaj komunikiloj , kune de reprezentantoj de la Gaŭĉa Esperanto Asocio kaj de ties prezidantino, samideanino Hilda Pinto.





# Dolĉa amatin´

Jan delonge gaŭĉino
vian amon mi aspiras
en mia brusto
mia koro ardas,
ĝemas kaj sopiras.
Mi esperas gaŭĉino,
Mia dolĉa amatin´,
Mi nur esperas
Ke vi estos mia edzin´.

Al Dio mi nur ja petas
Ke denove mi vin trovos
Ĉar mi nepre tiel provos
Konkeri vin mia flor´;
Kaj se vi konsentos
Estos mi via fianĉo,
Poste ni
en nia ranĉo
vivos kun amo en la kor´!

# Gaŭĉaj popoldiroj

Amplena kiel knabo por maljuna fraŭlino
Malantaŭe kiel testikoj de porko
Malbela kiel edzino de blindulo
Malbonan herbon prujno ne mortigas
Nefidema kiel blindulo kun amantino
Nigra kaj malpura kiel konscienco de butekisto
Multenova kiel formikeja translokiĝo



# Regularo de Sud-Brazilaj Renkontiĝoj de Esperanto

1. Estas nomata SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO (SUBRE), la Renkontiĝo de sudaj esperantaj asocioj, kun la celo ekzameni komunajn problemojn kaj proponi rimedojn por la plej efektiva disvastiĝo de la Internacia Lingvo Esperanto.

2. La SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO estos efektivigata je ĉiu du (2) jaroj, sub la respondeco de la asocioj apartenantaj al la sudbrazila regiono, nome Gaŭĉa Esperanto-Asocio, Esperantista Asocio de Santa Catarina, Paranáa Esperanto-Asocio kaj Esperanto- Asocio de San-Paŭlo.

3. Se eblos, la efektiviĝo de tiuj eventoj okazos en sekva ordo de la respektivaj regionoj, prefere de septembro ĝis novembro de la neparaj jaroj.

4. La okazigo de SUBRE , rezultanta de la integriĝa agado de la ŝtataj asocioj de la suda regiono, estas plenplene aŭtonoma kaj sendependa rilate ian ajn esperantaj organizaĵoj.

5. BRAZILA ESPERANTO-LIGO (BEL), honora invitata de tiuj Renkontiĝoj, partoprenos kiel observanta kaj kunlaboranta organizajo, kun konsultdona atribuo.

6. La prezidantoj de la asocioj supre menciitaj aŭ iliaj reprezentantoj konsistigas la KONSILION, kiu funkciigos la laborojn dum la okazigo de la Renkontiĝoj.

7. La prezidanteco de la KONSILIO estos plenumata de la estro aŭ reprezentanto de la orgnizanta asocio.

8. La rezolucioj de la Renkontiĝoj estos ekzamenataj de la Konsilio.

9. Neniu dokumento ao objekto estos disdonata aŭ vendata en la Renkontiĝoj sen antaŭa aprobo de la KONSILIO.

10. La Konsiliantoj en la kunvenoj rajtas voĉdoni per unu nura voĉo.

11. La monprovizo necesa por efektivigi la Renkontiĝon estos garantiata per aliĝoj, helpmonoj, subvencioj ktp, sub la administrado de la organizanta asocio.

12. Krom la asocio kiu organizas la koncernan Renkontiĝon, la ceteraj ne respondecas por eventualaj ŝuldoj de SUBRE.

13. Dum la efektivigo de la Renkontiĝoj, ESPERANTO estos konsiderata privilegia laborlingvo, flanke de la portugala idiomo.

Aprobita la 21-an de Septembro 1997

# Spicaĵoj

## Uzataj en la Gaŭĉa Kuirarto



PASTEĈO

Ajlo (alho)
Aniso ( erva doce )
Celerio (aipo )
Cepo ( cebola )
Cinamo ( canela )
Citrono ( limão )
Endivio ( pimenta verde )
Kaporo ( alcaparra )
Kariofilo ( cravo-da-índia )
Koriandro ( coentro )
Kumino ( cominho )
Laŭro ( louro )
Majorano ( manjerona )
Mento ( hortelã )
Muskato ( noz moscada )
Ocimo ( manjericão )
Papriko ( pimenta )
Papriko ( pimentão)
Petroselo ( salsa )
Pimento ( pimenta )
Pipro ( pimenta-do-reino )
Rosmareno ( alecrim )
Salo ( dika ) Sal grosso
Salo ( maldika ) sal fino
Salvio ( sálvia )
Spico ( tempero )
Ŝenoprazo ( cebolinha )
Tomato ( tomate )
Vinagro ( vinagre )
Vinruĝa vinho tinto )
Zingibro ( gengibre )